gvidado de konata s-ro Delanoue — forlasinte Paris-on la 22. — estis akceptita en Le Havre de l' urbestro kaj vojaĝis al Gdynia, haveno apud Danzig, sur ŝipo Pologne, kiu dum la tuta vojaĝo portis la E.-flagon. El Finnlando karavano alvenis sur speciala hotelŝipo, kiu dum la kongrestempo estis ligita al la kajo. Familio Middelburg venis el Haag per loĝaŭtomobilo kaj dormis sub propra tendo kun la verda stelo.

Korege salutas la alvenintojn Danzig-aj samideanoj en la stacidomo kaj sur la placo antaŭ ĝi impona triumfarko kun la surskribo „XIX. Universala Kongreso de Esperanto, III. Intern. Somera Universitato, 28. julio — 4. aŭg. 1927".

En la kongresdomo „Friedrich Wilhelm Schützenhaus", belega ejaro kun la plej granda Danzig-a salonego kaj belega ĝardeno, regas vigla vivo. La disdonado de la loĝejoj bone funkcias. Aparta poŝtoficejo en la akceptejo vendas la oficiale de la Danzig-a poŝto eldonitajn 22 diversajn ilustr. poŝtkartojn kun E.-teksto kaj surskribo „XIX. Univ. Kongreso . . ." kaj stampas la poŝtajojn per aparta kongres-stampilo.

Ĉiuj gazetoj de Danzig kaj Zoppot raportas ĉiutage en longaj artikoloj pri la aranĝoj kaj la plej grava „Danziger Neueste Nachrichten" dediĉis al nia kongreso ĉiutage paĝon en germana lingvo kaj apartan „Eldonon en Esperanto".

**„Wolff'sches Nachrichtenbüro-Berlin"** disaŭdigis ĉiutage al la tuta mondo per Radio ĉiujn okazintaĵojn de la kongreso kaj la tutmonda gazetaro havis okazon, ankaŭ uzitan, raporti pri nia jubileo. En Danzig la unuan fojon „Wolff" raportis (eĉ regule) pri „Univ. E.-Kongreso" kaj ni konstatas, ke tion kaŭzis la A. E. D.-prezidanto.

La kongreskarto rajtigis al senpaga uzado de ĉiuj tramvojlinioj en Danzig.

La 28. vespere okazis en la ĝardenego de la kongresdomo la interkonatiĝa kunveno laŭtradicia kun libera programo, kiun inaŭguris s-ro Aeltermann. D-ro Dreher amuzis per ŝercoj kaj parodioj, d-ro Feller recitis „Preĝo sub la verda standardo". Sensacio estis la prezentadoj de s-ino Hannah Münch, kiu montris kun granda temperamento al la internacia publiko du novajn dancojn. Granda aplaŭdo dankis al la artistino.

## Antaŭkongreso en Berlin (25.—27. VII.)

La posttagmezan viziton de zoologia ĝardeno kaj planetario sekvis komuna vespermanĝo en hotelo Alexandra, kie dir. Glück, la ĉefaranĝinto de l' antaŭkongreso, salutis la gastojn. La 26an atgm. la kongresanoj je invito de la fame konata firmo Wertheim vizitis ĝian grandmagazenon kaj estis gastoj je matenmanĝo. Posttagmeze oni veturis al la flughaveno, kie ilin oficiale salutis „Deutsche Luft-Hansa". Sekvis oficiala salutvespero en la aŭlo de realgimnazio en Dorotheenstrato, je kiu okazo s-ro Glück salutis la reprezentantojn de 25 nacioj en la nomo de la Ministerioj de Interno, de Scienco, Arto kaj Popolklerigo kaj de Magistrato de Urbo Berlin. Samtempe li transdonis la peton de Oficejo de Ekspozicio, Foiro kaj Fremdultrafiko, ke la eksterlandaj esp.-istoj elektu Berlin-on kongresurbo por 1930. Reg.-dir. Schwidden salutis en la nomo de la policprezidanto d-ro Weiß. S-ro Glück dankas al radiostacio Berlin (Funkstunde). D-ro Ossaka transdonas la salutojn de la japana Ministerio de Fervojoj kaj sciigas, ke tiu ĵus eldonis 100 paĝan gvidlibron en E. La 27an parto de la kongresanoj rigardetis Berlin-on, parto veturis al Danzig.

## La XIXa.

La feece per miloj da lampetoj taghele iluminita festsalonego de la kongresejo preskaŭ ne sufiĉis por la multnombro, kiu ĉeestis en la malfermo solena de la jubilea kongreso (29. julio). S-ino Isbrücker en la nomo de I. C. K. malfermas la kunsidon kaj proponas jenan estraron: Prez. s-ro Aeltermann, vicprez. s-ino Tuschinski kaj s-roj Adam Zamenhof,

Bujwid, Ehrenberg, Gueritte, Kliemke, Oishi, Schoofs; sekret. s-roj Kreuz, Ĉe kaj Majorkiewicz; helpsekr. f-ino Marquardt, s-ro Sachse.

Kongresprezidanto urba supera-sekretario Aeltermann malfermas la kongreson, salutas d-ron Strunk, la anojn de la registaro kaj parlamento, la oficialajn reprezentantojn de Aŭstrio, Germanlando, Greklando, Hispanujo, Nederlando, Polujo ktp., la honorkomitatanojn, familion Zamenhof kaj s-inon Tuschinski. Li dankas al la registaro pro la subteno, al urbo Zoppot, al la reprezentanto de la pola registaro, fine al ĉiuj, kiuj helpis suksesigi la kongreson, precipe al s-roj Kreuz kaj pastro Ĉe.

Post kantado de la himno s-ino Herrnstadt-Oettingen, konata deklamartistino el Berlin, impresige deklamis „Preĝo sub la verda standardo".

D-ro Privat parolas pri la ideala valoro de Esperanto:

„Ne nur la privilegiuloj, sed ĉiuj devas havi la eblecon lerni la rimedon interkompreniĝi kun alilingvanoj. ... Ni esp.-istoj proklamas al ĉiu popolo la saman rajton pri sia lingvo kaj kulturo kaj ke neniu potenco havas la rajton altrudi al iu popolo siajn kulturon kaj lingvon. Dum la belga kongreso en Mons mi aŭdis de la sonorilturo diversnaciajn popolkantojn kaj fine ankaŭ la kanton de nova tempo — nian himnon. Kaj mi pensis, ke certe venos la tempo, kiam de ĉiuj turoj en la mondo eksonos ĉi tiu „Kanto de Paco". Ni tion povas atingi, se ni laboros ne nur por la lingvo sed ankaŭ por la spirito de komprenemo laŭ nacia vidpunkto. Fidele daŭrigante la laboron de Zamenhof ni helpu, konstrui al la mondo pli indan domon. Ni sidas nun ĉirkaŭ la fajro en la esp.-ista tendaro. Jetu viajn zorgojn en la fajron kaj ĝi donu pli belan lumon! Malfermu la pordon, por ke la homaro vidu la lumon kaj alproprigu al si la Zamenhof-an spiriton!"

Fine d-ro Privat sciigas, ke s-ro Horner, ĝen.-sekr. de Ruĝa Kruco en Genève, favora amiko al E., mortis.

Senatano d-ro Strunk parolas en la nomo de l' prezidanto de Senato, de la Danzig-a registaro kaj de la urbo Danzig:

„... La senato kaj speciale la departemento por arto, scienco kaj popolklerigo observas la disvastiĝon de la E.-ideo kun la seriozeco, kiun ĉiu spirita movado rajtas postuli. Mi persone povas la entuziasmon, kiu montriĝas ankaŭ ĉi tiun vesperon, kompreni tiamaniere, ke en ĉi tiu movado enestas profundaj kaj etikaj impulsoj. Mi ne volas kontesti, ke mi en pli antaŭa tempo estis iom partia kontraŭ E.; ankaŭ el Danzig-a vidpunkto timante, ke per ĝi nia germana gepatra lingvo, kiu estas sankta al ni ĉiuj kaj firmege fiksita en nia konstitucio kiel oficiala lingvo, povus esti malutilata. Sed jam en 1922, kiam en Danzig okazis Germana E.-Kongreso, mi konvinkiĝis, ke tiuj timoj ne pravaj estas. E.-ja ne intencas forpuŝi la naciajn lingvojn, sed kiel mondhelplingvo vivi apud ili. La celo de via movado, glatigi la naciecajn kontrastojn en la mondo, devas trovi la konsenton de ĉiu serioza homo. Per tio la naciaj kulturoj tute ne estos malutilataj. Estus ankaŭ perdo por la homaro, se iu nacieco perdiĝus. ..."

En la nomo de l' Alta Komisaro de L. d. N. grafo Randwjik kore salutas:

„... La interkompreniĝo de la popoloj estas celo, kiun ankaŭ L. d. N. kaj kun ĝi ties reprezentanto en Danzig akcelas."

Leg.-kons. v. Zalewski transdonas salutojn de la polaj registaro kaj diplomata reprezentanto en Danzig:

„... La laboro de la E.-Kongreso, celanta prepari interkompreniĝon inter la popoloj, estas altvalora perilo ankaŭ inter Pollando kaj Libera Urbo Danzig."

Li plue invitas nome de sia registaro



Solena malkovro de memorŝtono.

al vizito de Warszawa, la postkongresa urbo. S-ro Essigman tradukis la paroladon en Esperanto-n.

Post laŭtlegado de saluttelegramo de la pola ministerio por ekstero alparolas la reprezentantoj de registaroj:

Ĝeneralkonsulo G e l l h o r n kiel komisiito de la Aŭstria registaro:

„... Tre volonte mi akceptis la inviton, eniri la honoran komitaton. E. estas tre disvastigita en Aŭstrio. Ĉe la fervojo same kiel ĉe la polico la E.-scipovantaj oficistoj portas dum deĵoro la E.-insignon. En la translimaj vagonoj baldaŭ la tekstoj estos ankaŭ en E ... En la nunjara landa kongreso multaj ministerioj estis reprezentataj, kio pruvas la favoron de la registaro al E.“

Nome de l' germana ministerio de interno prof. d-ro D i e t t e r l e deziras al la kongreso bonan sukceson. Li atentigas, ke la germana registaro jam la kvinan fojon salutas oficiale univers. E.-Kongreson.

„Ministerioj ŝanĝiĝis, sed restis la atento pri nia movado, ĉar la germana registaro taksas E.-on kiel kultursocian aferon, ne kiel politikan.“

Por la registaroj greka salutas pro malhelpo de l' ĝen.-kons. prez. A e l t e r m a n n, hispana: komandanto M a n g a d a R o s e n o e r n, nederlanda: inĝ. I s b r ü c k e r, norvega: s-ro S c h j ä r v e, por Intern. Labor-Oficejo: s-ro T a r e l l i, por urbo Stockholm: ties urbestro L i n d h a g e n, por princo Carlo de Svedujo: s-ro N y l e n, por „Ligo por kulturaj interrilatoj de USSR kun eksterlando“: s-ro D r e z e n. Sekvas parolado de L e o n o Z a m e n h o f, la frato de l' Majstro. Poŝtkons. B e h r e n d t salutas en la nomo de „Germana Asocio de Teknikaj-ekonomiaj Unuiĝoj“:

„Telefono, Esperanto kaj Radio estas triunuo, kiu tre bone kapablas konduki la homaron al vera kulturo, ĉar al ĝi sekvos paco kaj interkompreniĝo.“

S-ro K l e i n-Wien, reprezentanto de Paneŭropa Unio, salutas en la nomo de ĝia Centro kaj de grafo Coudenhove-Kalergi:

„Se ni helpos al Paneŭropo, ni helpos al E., ĉar Paneŭropo volas pacon en Eŭropo.“

F-ino R o o t laŭtlegas salutleteron de l' gvidanto de la Bahaa Movado. La naciaj reprezentantoj parolas en sia nacia lingvo kaj en E.: Algerio (Kubinal), Pyke (Aŭstralio), Steiner (Aŭstrio), Kempeneers (Belgujo), Robertson (Britujo); Trickov (Bulgarujo), Neuzil (Ĉehoslovakio) por ĉehoj, kaj Krysta por germanoj, f-ino Melchior (Danujo), s-ino Duschinski (Danzig), f-ino Drezen (Estonio), Setälä (Finnlando), Gueritte (Francujo), d-ro Kliemke (Germanlando), Aeltermann (Grekujo), Lejzerowicz (hebreoj), Tolnay (Hungarujo), Orengo (Italujo), Hasegaŭa (Japanujo), f-ino Pirkst (Latvio), f-ino Diet (Litovio), s-ino Isbrücker (Nederlando), prof. Bujwid (Pollando), pastro Ĉe (Rumanujo), Friedländer (Sudslavio), d-ro Spielmann (Svislando).

La kanto „Fratoj, manojn donu kore“ akompanata de l' orkestro finis la malferman kunsidon je la 11a nokte.

## Ĉe la mikrofono.

La 30. de julio je la 20.15 la Radiostacioj Danzig kaj Königsberg disaŭdigis la paroladojn de la reprezentantoj de 15 landoj (por Aŭstrio parolis Steiner). Pro manko de tempo la aliaj 20 ne povis paroli. Ĉiuj parolis en sia lingvo kaj en E. La programestro de la Radiostacio s-ro Normann parolis la germanan tekston.

Radio-Wien antaŭanoncis la paroladojn. Je peto de Radio-Danzig la parolintoj estis fotografataj. La fotografaĵojn oni sendis por publikigo al ĉiuj grandaj Radio-jurnaloj.

## Malkovro de Memorŝtono.

## Plantado de jubilea kverko en Zoppot.

Posttagmeze de l' 31. julio la kongresanoj veturis al Zoppot, la fama marbanloko, kie ĉe la rando de arbareto la urbo dediĉis belan placeton al starigo de memorŝtono kaj plantado de jubilea kverko. La placo ricevis la nomon „Esperanto-Grund“, la alvojo „Esperanto-Weg“.

Ĉe la malkovro de la memorŝtono parolis prez. A e l t e r m a n n kaj transdonis ĝin en la protekton de la urbo Zoppot, por kiu parolis urba kons. G e r i c k e, prez. de urbobeliga-societo.

Sekvis la plantado de la jubilea-kverko kaj elŝutado de tero sur ĝiajn radikojn. F-ino Zamenhof metis teron de sur la tombo de sia patro, Aeltermann laŭ peto de grekaj sam-anoj tiun de Marathon kaj de sub la olivarbo de la diino Pallas Athene, f-ine Root el Haifa, Schjärve de l' Norda Kapo, Sapiro el la ĝardeno de la naskiĝdomo de l' Majstro, aliaj el diversaj landoj de Eŭropo, Ameriko, Aŭstralio.

## Honoraj invitoj.

La reprezentantoj de la nacioj kaj kelkaj eminentaj esp.-istoj estis invitataj de:

**Senato de Libera Urbo Danzig** la 30. jul. en Artushof. Partoprenis la prezidanto de Danzig d-ro Sahm, prez. de la parlamento d-ro Semrau, senatanoj, reprezentantoj de politikaj partioj, Alta Komisaro de L. d. N. van Hamel, diplomataro, multaj eksterlandaj jurnalistoj ktp. — La honora prezidanto de la kongreso, prez. de Senato d-ro Sahm, salutas la gegastojn:

„... Antaŭ kelkaj minutoj vi staris sur la fiera forumo de la antikva Hansa-urbo Danzig (Forum civitatis Gedaniae), „Langer Markt". ... En nia forumo vivas la germana animo de Danzig kaj same en ĉi tiu festsalonego de Artushof, en kiu mi vin kore salutas en la nomo de la Danzig-a registaro. ... Mi salutas vin, reprezentantojn de la potenca movado por akcelado de E., kiel mondhelplingvo. ... Nia respubliko montris grandan intereson. ke via kongreso kunvenu en Danzig. La kaŭzo estas, ke Genève, kiu tiom signifas por Danzig, samtempe ne nur estas sidejo de via Centra Komitato sed ankaŭ de la plej granda mondorganizo, de L. d. N. Kaj en ĉi tiu punkto niaj ambaŭ interesoj renkontiĝas. Ĉar estas konate, ke Libera Urbo Danzig kiel sola ŝtato troviĝas sub la protekto de L. d. N. Mi scias, ke la instancoj de L. d. N. montras grandan intereson al viaj celadoj, kio jam evidentiĝas el tio, ke Intern. Labor-Oficejo sendis specialan reprezentanton al via kongreso. Ankaŭ Germana Ligo por L. d. N. estas aparte reprezentata. Pro tio estas kompreneble, ke Danzig, kiu estas ligita kun intern. institucio, L. d. N., devas havi plej grandan intereson por intern. movado kia la via. Kelkfoje oni aŭdas la rimarkigon, ke Danzig pro sia interligiteco kun L. d. N. fariĝis „internacia". Tio en ĉi tiu formo ne ĝustas kaj ĝuste vi havos komprenon por tio, ke mi ankaŭ en via rondo speciale ege akcentas, ke Libera Urbo Danzig ankaŭ nuntempe estas same tiel forte „germanlingva" kiel en la pasintaj 700 jaroj de ĝia historio. Se do Libera Urbo rifuzas, esti nomata „internacia", tamen estas io tute alia, kiam oni diras pri ĝi, ke ĝi montras pro sia geografia kaj historia ligiteco kun la transmara komerco la plej grandan intereson al ĉiuj intern. klopodoj kun paco-kulturo- aŭ ekonomitendencoj. Tio rilatas speciale al movado kia la via, pure ideala kaj taŭga, alproksimigi kaj interpacigi la popolojn. Estu kore bonvenitaj!"

Prez. Aeltermann dankis kaj esprimis la esperon, ke E. ne malaperu el Danzig kaj ke ankaŭ la tutmonda esp.-istaro ĉiam plezure rememoru nian Liberan Urbon. Fine li transdonis al prez. d-ro Sahm la kongresinsignon, kiun tiu tuj fiksis sur sia brusto.

D-ro Privat: „... Nova spirito devas trablovi la mondon, la spirito de la paciĝo kaj kompreniĝo inter la popoloj. ... Ĉi tiu kongreso kun siaj diversnaciaj reprezentantoj helpos al Danzig, ke ĝiaj rajto kaj pozicio restu gardataj en la rondo de la ŝtatoj, ĉar la reprezentantoj per propraj okuloj ekkonis la cirkonstancojn de Libera Urbo."

Fine parolis prof. Asada el Nagasaki. Ĉe bona muziko oni kunrestis ĝis noktmezo.

**Alta Komisaro de L. d. N., van Hamel, kaj edzino** akceptis la 1. aŭgusto je 17.30 en la ĝardeno de sia vilao, kie polica orkestro koncertis, gasteme la invititojn. S-ro van Hamel salutis en germana lingvo, ĉar lian lingvon (nederlandan) la gastoj ne komprenus, E.-on li ne scipovas; tial li uzas la lingvon de la urbo, kiu gastigas la kongreson.



La plantado de Jubilea Kverko.

Li havis okazon observi en Genève, kian signifon E. havas speciale por la malgrandaj popoloj.

Laŭ deziro de van Hamel s-ro Grenkamp deklamis poemon „Don kihoto“ kaj s-ino Herrnstedt-Oettingen recitis „Preĝo sub la verda standardo“. Post dankvortoj de d-ro Privat parolis s-ro Aeltermann:

„La ĉeestantaro formas propran L d. N.-n kun propra lingvo kaj propra flago. L. d. N. sekvu ĉi tiun ekzemplon“.

**Generala Komisaro de Polujo en Danzig, ministro Strassburger,** akceptis afable siajn gastojn en sia bela hejmo la 3. aŭgusto je la 21. D-ro Privat dankas kaj memorigas, ke la ministro estis tiu delegito, kiu antaŭmetis al L. d. N. proponon pri E.

## Diservoj.

La 30. julio okazis hebra en la templo kun E.-prediko de rectoro Saphra. Fine oni kantis la „Espero-n“ kun orgenakompano.

La 31an en la katolika preĝejo antikva de S. Nikolao grandegnombre la esp.-istoj kunvenis, por ĉeesti la diservon kaj la profundsentan predikon de pastro Ĉe.

La saman tagon je la 10a estis protestanta E-diservo en la preĝejo de S. Maria. Belega orgena antaŭludo kaj solokanto de s-ino Brassat. La prediko de pastro Löscher el Leipzig estis bonega.

## Laborkunsidoj de I. C. K., K. R. kaj U. E. A.

Prepara kunsido (29. julio, 14 h).

En Schützenhaus okazis ĉi tiu grava kunsido, al kiu AED. estis proponinta jenajn punktojn por forigi la deficiton de la XVIa:

1. K. R enkasigu de la tutmonda esp.-istaro regulan ĝeneralan impoŝton (1/2 sv. fr. pojare).

2. Fiksi la kvoton el la profito de la kongresoj por pagi la deficiton de la XVIa.

3. Krome K. R. proponu taŭgajn rimedojn por tuja helpo al la L. K. K.-anoj de la XVIa en ilia mizera kaj danĝeriga situo.

S-ro Steiner defendis la proponojn. P. 1 estas malakceptita nur pro supozita neeblo de ĝia efektivigo. Unuanime estas akceptitaj jenaj proponoj: 1. El la profito de ĉiuj Univ.-kongresoj estu pagataj 25% por kovri la deficiton de la XVIa (laŭ art. 5 de l'regularo) ĝis fina pago de sv. Fr. 11 000.—. I. C. K. estas komisiata, zorgi pri ĉi tiu afero lasante flanke la juran respondecon de I. C. K. rilate la deficiton. 2. Ankaŭ el la aranĝoj de la naciaj kongresoj oni donu 25% de la profito kaj krome kolektu monon (farita jam en la nederlanda kaj dana kongresoj). 3. Kolekto dum la Danzig-a kongreso post koncerna parolado de d-ro Privat (prop. d-ro Dietterle; rezulto 400 sv. Fr.). 4. Alsendo de kuponoj po duona sv. fr., ŝ., Rm. al la naciaj societoj pro disvendado. (Brita soc. mendis por 1927 1000, nederl. 200, itala 200; aliaj sekvu).

AED. kontroliĝos la nunan bilancon per du membroj kaj poste konstante la monfrekventon. En la oktobra numero aperos la rezulto kaj ĉiun jarkvaronon la stato. Ĉiujn mondonacojn sendu al d-ro Sós, Wien, I., Tuchlauben 18.

Publika laborkunsido.

En la bela kunsidejo de la parlamento la 1. VIII. ptgm. Oni priparolis la lokon de la venontaj kongresoj. La XXa, kiel konate, okazos 1928 en Antwerpen. Por 1929 invitis Budapest, Poznan kaj Madrid, por 1930 Berlin, Braunschweig kaj Madrid. Post longa diskuto, en kiu ankaŭ Steiner (Aŭstrio) parolis por Budapest, samtempe anoncante antaŭkongreson en Wien, oni decidis por Budapest (1929). Pri 1930 estu decidota en Antwerpen. S-ro Hoen invitas en la nomo de la Trafikoficejo en Köln al postkongreso en 1928.

## Kongresaj laborkunsidoj.

La 1. okazis la 30. VII. atgm. en la aŭlo de la Teknika Altlernejo sub la prezido de d-ro Privat. S-ro Balkanyi salutas nome de l' princo d-ro Josef Ferencz, prez. de la Societo Budapest-Banejurbo, kiu invitas la kongreson por 1929 al Budapest (tie okazos samtempe Intern. Ekspozicio por Fremdultrafiko kaj Balneologio), kaj de Komerca- kaj

Industria-Ĉambroj kaj de hungara Radiostacio. D-ro Privat sciigas pri la morto de nia germana pioniro Gube kaj kondolencas al la germanaj samideanoj.

Min.-kons. d-ro Ellerbeck transdonas la salutojn kaj dankon de la germana ministro por trafiko Koch pro la afabla invito al la kongreso. „La ministro ĉiam favore subtenas la movadon, ĉar oni ekkonis, ke por trafiko trafiklingvo necesas.“

D-ro Dietterle sciigas pri enketoj faritaj en Ameriko per s-ino Morris kaj en Eŭropo per prof. d-ro Bovet, dir. de Int. Instituto por edukado en Genève, pri rezultoj de instruado en la lernejoj. La enketo de s-ino Morris estas presita kaj senpage disdonita al la kongresanoj, tiu de prof. Bovet aperos en „Esperanto-Genève“. Plue Dietterle raportas pri la statistiko kaj plendas pri manko de granda nombro da respondoj kaj maldisciplino inter la esp.-istaro citante vorton de Zamenhof: „La malamikoj ne estas ekstere, sed inter ni!“ Li petas, ke oni subtenu lian gravan laboron.

S-ino Morris-New-York raportas pri la laboroj de „Asocio por int. helplingvo“ por enkonduki E.-on en la lernejojn.

Hahn-Dresden tre interese parolas pri spertoj kaj rezultoj de interkorespondado de infanoj en E.

Neuzil-Olomouc intencas aranĝi en la venonta jaro Internacian Tendaron por esp.-istaj skoltoj kaj petas subtenon, por ke el la diversaj landoj venu la infanoj. D-ro Privat proponas, ke oni sendu el ĉiu lando unu infanon kiel premio por bona lernrezulto.

**2.** kunsido en la sama ejo la 2. atgm. Plej grandan intereson trovis la bonega parolado de d-ro Privat pri elparolo laŭ Zamenhof-a ideo.

D-ro Privat komunikas, ke la firmo Tri-Ergon Musik-Berlin fabrikis diskojn laŭ nova sistemo kaj decidis donaci po du al la kongresanoj, nome „Prologo por la XIXa Univ. E.-Kongreso“, verkita de Flatteuer, „Parolado pri la inventaĵo Tri-Ergon“, ambaŭ kiel la sekvanta „El la parolado de d-ro Zamenhof okaze de la Boulogna kongreso“ parolita de s-ino Herrnstadt-Oettingen kaj „Parolado de d-ro Privat“. Krome la landaj reprezentantoj ricevis 3. „Klarigoj pri la elparolado de d-ro Privat.“ Oni havis la plezuron tuj aŭdi la diversajn paroladojn per gramafono, kiun la firmo disponigis. Sekvis filmo pri Antwerpen (vidu tie).

La **3.** komencis la 3. ptgm. en Ruĝa Salonego de „Kurhaus“ (16 h.) en Zoppot per parolado de d-ro Privat. Raportis s-ro Warden pri L. K. kaj ĝia Akademio, Schoofs pri laboroj de K. R., d-ro Privat pri UEA. kaj atentigas pri la lasta sukceso ĉe la Wien-a polico (montrante la ŝildeton, kiun la policistoj nun portas dum deĵoro, kaj fotografaĵon de deĵoranta policisto), laŭtlegas salutskribaĵon de kolonelo Zwach kaj sciigas pri Radio-Wien disaŭdiginta informon, ke la 30. julio naciaj reprezentantoj parolos per Radio-Danzig (aplaŭdo). S-ro Balkanyi proponas, deklari la naskiĝtagon de l' majstro „Literaturtago“, en kiu ĉiu esp.-isto aĉetu almenaŭ unu eĉ malmultekostan libron.

## Lingva komitato.

La 30. VII. Prez. vicprez. de L. A. s-ro Warden, sekr. d-ro Lippmann. Warden prezentis la raporton de la Akademio, presita en la Kongresa libro. Raportoj de Lippmann, Grosjean-Maupin, Privat; la lasta „pri elparoladoj kaj premioj“ (Kataluna Antologio). Decidoj: 1. Premieblaj estas ankaŭ originaltraktaĵoj sciencaj; 2. la ĉefaj punktoj de atendota verko de d-ro Dreher „La verbaj afiksoj en E.“ estu koste de L. C. K. multobligataj kaj studataj de la LK.-anoj.

## Fakaj kunsidoj.

Abstinuloj kaj bontemplanoj, Bahaa movado, bankfaka, fervojistoj, filatelista, folkloro, hebreoj, instruistoj, juristoj, komercistoj, kristanoj, kuracistoj, kvakeroj, laboristoj, pacifistoj, poŝtistoj, scienca, skoltoj, studentoj.

## VI-a int. Blindul-Kongreso.

La 29. VII. ptgm. okazis ĝia malfermo. Prezidis Kreitz el Kreuzau (Germanujo). 60 blinduloj kaj multaj vidantoj, inter ili s-ino Morris, ĉeestis.

## Lumbildparoladoj.

En la bela aŭlo de Petri lernejo okazis je la 16a prezentado de filmo pri d-ro Zamenhof kaj la malkovro de la monumento sur lia tombo (s-ro Essigmann). Je la 17. prelegis s-ro Schjärve pri Norvegujo, poste s-ro Steiner pri „Wien", (ĉeestis 300 personoj, inter ili la aŭstria ĝen. kons. Gellhorn), fine s-ro Balkanyi pri Budapest. Dum la laborkunsido la 2. aŭgusto s-ro Schoofs prelegis pri urbo kaj haveno Antwerpeno, la venontjaro kongresurbo.

## Amuzoj.

La 29. julio (17 h) okazis en preĝejo de S. Mario orgenkoncerto kun fluta kaj violona soloj kaj solkantoj en E. sub la titolo „Händel-vespero".

La 30. posttagmeze ekskursoj tra la bela urbo sub gvidado de Danzig-aj samideanoj.

31. VII. (11 h) promeneja koncerto sur „Langer Markt", posttagmeze rondflugoj super Danzig kaj Zoppot. Je la 20a en „Schützenhaus" komencis Jubilea Festvespero, en kiu Danzig-a ĥoro de instruistoj sub gvido de s-ro Majewski prezentis kelkajn kantojn. Prologon, verkitan de s-ro Flattauer-Berlin, majstre recitis s-ino Herrnstadt-Oettingen. Sekvis paroladoj de Felix Zamenhof, d-ro Privat, Setälä (Finnlando), Nylen (Svedujo), Drezen (USSR.) kaj s-ino Isbrücker (Nederlando). Supera kantoro Meisel kantis emociige la Zamenhof an „Ho, mia kor' " laŭ propra kompono. La feston ĉeestis reprezentantoj de Senato, parlamento, urba konsilantaro, diplomataro ktp.

1. VIII. (12 h.) komuna fotografado. La kostumbalo, kiu kunigis la kongresanojn en „Schützenhaus" (20 h.), estis unu el la plej belaj aranĝoj. Dancis ne nur la gejunuloj, sed kiuj nur iel takte povis sin movi, inter ili d-ro Felix Zamenhof kun la 85 jara s-ino Tuschinski. Beligis la vesperon konkurso de internaciaj kostumoj kun intern. juĝantaro, kiu donis la unuan premion al s-ino Asada-Japanujo. Senhalte oni dancis ĝis tre frua matenhoro.

2. VIII. Ptgm. per fervojo veturo al proksima Zoppot, kie parto ĝuis agrablan marbanon, parto ĉeestis la koncerton en la kuracĝardeno. Kelkaj eĉ ludis en la „ludinferno" kaj ... perdis sian monon. Multaj veturis al arbaroperejo, kie unuarangaj Berlin-aj aktoroj prezentis „Götterdämmerung" (Pereo de l' dioj). Neniu forgesos ĉi tiun brilan prezentadon, kiu daŭris $4^1/_2$ horojn.

3. VIII. Sur ŝipo „Paul Beneke" la kongresanoj faris belegan veturadon de Danzig al Zappot, kie ni alvenis je la 13 h. Ĉe la komuna tagmanĝo en „Kurhaus" ĉefurbestro de Zoppot d-ro Lane bonvenigis nin. Post la tagmanĝo okazis laborkunsido (vidu tie), kiun sekvis prezentadoj de 12 knabinoj el la artgimnasta lernejo de Hannah Münch sur teraso antaŭ la kuracdomo. Granda aplaŭdo dankis ŝin kaj la junajn artistinojn. Vespere finis la Danzig-ajn aranĝojn balfesto en la luksa Ruĝa Salono.

## Kritiko.

La grandioza programo, oficialaj reprezentadoj kaj invitoj, grandstilaj aranĝoj ktp. ktp. la partoprenantojn vere surprizis kaj — tamen kelkajn (!) malkontentigis. Kiom grandan laboron faris la malmultaj anoj de LKK. ilustras plej bone, ke en junio nur estis aliĝintaj 70 personoj kaj en la lastaj 5 tagoj sole sekvis 500! Certe LKK. deziregis multobligi sin, por kontentigi ĉiujn!

Ni ne retenu la dankon al tiuj homoj, kiuj laboregis seninterompe dum multaj monatoj, por havigi al ni tian jubilean kongreson. Precipan dankon meritas: Prez. Aeltermann, gazetservestro Mitschke kun siaj helpantinoj f-inoj Lamprecht kaj Slottke, pastro Ĉe, kiu lertege dum 3 monatoj esperantigis duonan Danzigon, f-ino Marquardt, s-roj Sachse kaj Grabovski.

Ĉi tie estu menciate, ke s-ro Agourtine (Paris) havis la ĉefredakcion de la „Eldono en E." kaj s-roj Ŝapiro (Bialystock) kaj Steiner (Wien) faris la raportojn pri ĉiuj aranĝoj.

*

**Raporto** pri III. Somera Universitato kun enhavo de la prelegoj kaj pri Postkongresoj pro manko de loko en la venonta numero.

La kliŝojn afable disponigis al ni „Der Danziger Rundfunk"-Danzig.

---

## S-ino Anna Tuschinski.

Kun ĉi tiu nomo estas ege ligita la E.-movado en Danzig. Ŝi, la nun 85 jara, fondis antaŭ 20 jaroj la Danzig-an E.-Societon, kiu nun ankaŭ jubileis. Ŝi vivu longe kaj travivu ankoraŭ tiajn belajn tagojn, kiel estis por ŝi certe la kongrestagoj, montrante al ŝi la fruktojn de longjara laborado.

## Zamenhof-poŝtmarkoj.

USSR. eldonis okaze de la jubileo apartajn poŝtmarkojn kaj kartojn kun la bildo de nia Majstro. Ni forte dezirus, ke aliaj landoj iomete sekvu tiun ekzemplon.

## Univ. Pacifista E.-Ligo.

S-ino Isbrücker rezignis kiel prez. Nova prez.: dir. Glück-Berlin; vicprez.: s-inoj Isbrücker, Root; s-roj Aeltermann, Bischitzky, Christaller, d-ro Spielmann, Steiner; ĝen.-sekr. Bernfeld-Wien.

## Floraj Ludoj 1927.

Inter la premiitoj: s-ro Erber („Kion kaj kiel mi aŭdis per Radio"); inter la menciitoj: s-roj Erber („Ama prozaĵo"), d-roj Friedl kaj Halbedl (ambaŭ „Longa didaktita verko") — ĉiuj en Graz. — Gratulon!

**Ŝtata ekzameno** komenciĝos la 3. nov.; sinanonco ĝis 1. okt. al la komisiono Wien I. Burgring 9, ĉambro 53.

---

## Al ĉiuj!

Sendu ĉiam tuj raportojn pri ĉiuj aranĝoj, kursoj ktp. al ni. Ni urĝe bezonas la adresojn de al vi konataj esp.-istoj.

**Kolektantoj, korespondemuloj** skribu al ni pro adresoj el la tuta mondo. Kontraŭ respondkarto ni ilin tuj sendos al vi.



**AED.** — prezidantarkunsido okazis la **2.** sept.

**EDW.** — kunsido estos la 19. sept. en la ejo de „Danubio", 7. Neubaugasse 25 (19 h.). Venu precize kaj multnombre.

**Diservo** la 16. okt. (10 h.) Minoritenpreĝejo.

**Graz**: „E.-soc. p. Stirio" aranĝas ekzpozicion en la foiro (3. 9. — 10. 9.) kaj la 10. sept. „Loka Grupo" familian feston en „Pastete", Sporgasse (8 h. vesp.). Venu gastoj!

**Wien**: Novfondiĝoj: „Katolika E.-kanta, muzika kaj teatra grupo (Bruno Strnad, IX., Borschkeg. 12); „Wien'a liturgia E.-rondo (Therese Gyra, VIII., Josefstädterstr. 85, 1. IV. 18, merkrede 20—21 h); „Erste kath. Jugend-E.-Gruppe Wien Floridsdorf". — „Popolunuiĝo de la katolikoj de Aŭstrio" aranĝas preparkurson al la ŝtata ekzameno dum vintro (gvid. Smital, detalojn — aldonu poŝtmarkon de I., Freyung 6). **E.-grupo de „Naturfreunde"**, ĉiu-demanĉaj ekskursoj; informojn: III., Radetzkistraße 23. **„Kat. Unuiĝo E.-ista**, ĉiu-dimanĉe aranĝoj; informojn I., Freyung 6.

## Bratislava.

**La 11. septembro** ĉiu esp.-isto bonvole ĉeestu certe la akcepton de la Bratislav-anoj (inter ili multaj sam-anoj). La alventempo (verŝajne) en Ostbahnhof estos publikigata en la ĵurnaloj. Ni deziras saluti la urbestron kaj la multcentojn el Bratislava nome de AED. Pro tio multnombra ĉeesto necesas.

La **18. sept.** kontraŭvizito de la Wien-aj en Bratislava. Veturkostoj prksm. 9 Ŝ. Vizo nenecesa. Aliĝu ĝis 14. sept. ĉe „Frau von Heute", 8. Alserstraße 23. Tel. 21-1-61.

## Rimarkindaj Presaĵoj.

### El la eldonejoj:

**Tagblatt-Bibliothek-Wien:**

**Dr. Emil Pfeffer,** Esperanta Komerca Korespondo, Enkonduko. Komercistaj modelleteroj kun frazaro, esperanta kaj germana, Nrj. 500/501, 1927, 96 pĝ., prezo RM —.50.

Salutinda pliriĉigo de la bedaŭrinde malmultaj esperantaj ekzerciloj por la komercisturo kaj tre zorge kunmetita materialo, eĉ laŭ la prezo, kompare kun aliaj verketoj. vere kontentiga enhavo, el kiu estas speciale citindaj „komerca frazaro" kaj „korespondo kun la bankoj", kiuj en ĉi tiu verketo la unuan

fojon estas pli detale plilaboritaj. Pri kelkaj esprimoj diskuti ankaŭ ĉi tiu konata verkanto certe volonte konfesos. Fr. J. Schade.

**Esperanto-Verlag, Berlin SW 61.**

**Der Esperanto-Lehrer, Anleitung für Nichtlehrer zur Erteilung von E.-Unterricht, von Hans Dahmen.** 1927; 92 pĝ; prezo RM 1.20.

La movado progresegas, instruantoj sukcesontaj estas bezonataj. Tio necesigas tian verkon. La aŭtoro estas talenta ĝisfundulo. Tio rekomendas lian verkon. Ĝi klare enkondukas en la teorion, — ne: en science bazitan praktikon de l'instruado; tiom klare, ke ĝuante ĉiu komprenas, kaj tiom praktike, ke ankaŭ instruistoj multon profitos. Klara dispartigo de la materio kaj modernaj principoj (dankinde pli influitaj de esp.-ista sperto ol de lingvoinstruista tradicio!) pravigas la esperon, ke la verketo instigos „la esp.-istajn edukistojn, partopreni je la solvo de la urĝiĝinta problemo de speciala metodo por la E.-instruo . . ." Ankaŭ por neinstruontoj la libro enhavos valoraĵojn perfektigajn [ekz. prononcklarigojn (pĝ. 35), instigon al memstara legado kaj teksttraktado (54–61)] kaj interesajn (ekz pri historio, organizoj, ekzamenoj, Germ.-E.-Instituto, multaj literaturindikoj). Bedaŭrinde estas rekomendataj tri nemodelaj „verkoj". Walter Smital-Wien.

**Hirt & Sohn-Leipzig:**

**Zamenhof-Radikaro** kun derivaĵoj kaj fontindikoj, de Eugen Wüster; prizorgita de Paul Kirschke. 1927; 84 pĝ., pr. Rm. 6.—.

Zamenhof-Wüster-Hirt! Nur unu guto absinta miksiĝas al la ĝojigo: Ke la spaco por recenzo ne estas senlima. 124 verkoj de Zamenhof rolis fonte. Nur imagi la jarojn longan analizadon kaj zorgegan klasadon, kaŭzas kapdoloron. — Genia lingvistika studo pri „gradoj de asimilo" enkondukas — sed ne nur en ĉi tiun verkon: Admirige malfermiĝas antaŭ nia okulo spirita la grandioza majesta vivo interna de nia mondampleksa lingvo. La modeste sekvantaj kolonoj da vortoj kvazaŭ himnas interne al la genio de l' majstro: Vere inda jubilea donaco de Hirt al ni. Milionoj da manoj sin etendu je tiu ŝlosilo al nia sanktejoj! **Ekzamenkandidatoj** studu ĉi tiun kaj ĉiujn aliajn verkojn de Wüster, precipe la Enciklopedian Vortaron!

Walter Smital-Wien.

**Rud. Mosse-Berlin:**

**Dr. Julius Penndorf:** Grekaj Papirusoj, Noj. 11–12 (originale verkita).

La papiruso, skribmaterialo antikva simila al nia papero, estis fabrikata de la egiptanoj el la medolo de la triranda trunketo de la papirusa planto. Sur tiu papiruso oni skribis per inko el fulgo, gumo kaj akvo. Multaj tiaj manuskriptoj konservitaj hazarde kiel makulaturo dank' al la seka klimato de Egipto, estas nun elfosataj kaj prezentas valorajn dokumentojn por la literaturo kaj kulturo antikvaj. La tekstlingvoj de la papiruso estas la egipta, greka, persa, hebrea, latina, aramea kaj araba. Plio pri esplormetodo kaj rezultoj de la papirusologio estas komunikata en populara maniero en la unua parto de la nomita verko. En la dua troviĝas specimenoj el la grekaj papirusoj Ili estis skribataj en la tempo inter 310 a. K ĝis la sesa jarcento p. K. La aŭtoro elektis inter la „neliteraturaj papirusoj tekstojn „facile kompreneblajn kaj same interesajn eĉ el modernaj vidpunktoj, klarigante la malfacilaĵojn kaj tuŝante tre variajn temojn". Li bonege sukcesis en tiu intenco. El oficialaj dokumentoj, privataj leteroj k. t. p. „la homoj de la antikvaj tempoj kvazaŭ laŭkorpe ekstaras antaŭ niaj spiritaj okuloj kun siaj ĝojoj kaj suferoj, zorgoj kaj agoj".

Krom tio la verko havas ankaŭ specialan lingvan gravecon. Kiel ĉia scienca publikigaĵo ĝi riĉigas nian sciencan vortaron enkondukante necesajn novajn fakesprimojn kaj faciligas tiel la laboron al la poste verkontoj. Ankaŭ tiurilate la aŭtoro montriĝas lertega. La plej gravaj novaj fakesprimoj estas kolektitaj kaj klarigitaj en aldono Tre laŭdinda ŝajnas ekzemple la distingo inter talanto (antikva monunuo da 6000 drakmoj) kaj talento (spirita kapableco). Kontraŭe la uzo de Egiptujo por la lando kaj de egipto por la enloĝanto ne ŝajnas konsilinda. Tio estas kontraŭ la kutimo de la majstro (Biblio) kaj de Kabe (Faraono), kiuj uzas Egipto por la lando kaj egiptano por la enloĝanto. Anstataŭ grundakvo p. 6 aŭ grunda akvo p. 7 oni devus diri fundakvo aŭ funda akvo. Grundakvo povus eble havi por juristo alian sencon, eble akvo (ekzemple lago aŭ fluvo), je kiu iu rajto (ekzemple la rajto de fiŝkaptado) apartenas al la posedanto de la ĉirkaŭanta grundo. L. Sirk-Wien.

**Aliaj:**

**Kantaro katolika-Wien,** kat. kantoj laŭ komisio de la „Kat. Unuiĝo E-ista" en Wien kolekt. kaj eld. de Leopold Chiba, 1927; komisie vendata de Verl.-Anstalt Tyrolia A.-G., Wien, I., Stephanspl. 5; 75 pĝ., prezo: Ŝ 1.80.

La katolikaro ĝoju! Preuante sur sin multan laboran kaj gravan monoferon la diligenta aŭtoro havigis per ĉi tiu praktika libreto fortan akcelilon al la kat. movado, necesan helpilon por la ĉiam pli ŝatataj regulaj diservoj Ĝi enhavas la plej belajn preĝejokantojn kutimajn en Wien kaj tial vekos intereson ankaŭ ekster la limoj de Aŭstrio. Ĝi meritas tion ankaŭ, ĉar unu inter niaj plej bonaj E.-stilistoj (modestega!) liveris majstrajn tradukojn. La teksto flue akomodiĝas al la melodio laŭsence, escepte: „dolorhonto" (pĝ. 48) kaj „ocean'" (71) kun akcento sur unua silabo. Majuskloj iom tro abundas; ekz. „Matena Sun'" (33), eĉ „Kristan'" (59) kaj „Diobena" (62). Kial „Moderato" kaj „Andante"?

Ĉu propraj nomoj ne pli bone restus senŝanĝaj laŭ kutimo de la modernaj aŭtoroj? Inter la preseraroj troviĝas nur 4 sencon ĝenantaj. — Sed bagatelaĵoj ne gravas kompare al la efektiva graveco de l' celo!

Walter Smital-Wien.

„Tabeloj por intua instruado de E. en lernejoj kaj kursoj" de P. Mestan estas aprobitaj de l' ministerio por instruado (Z. 26.835/7; 14. junio) je uzo en burĝ- kaj mezlernejoj. Instruistoj mendu ilin ĉe Foltanek (prezo S 1.80).

---

**Enigmo.**

m m m m m m m m

Kio estas tio? (Günter Erber-Graz)

---

## Kie oni renkontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Radetzkystr. 6/III, Vereinsheim (kunvenejo) „Pastete", Sporgasse 28, Do (ĵ) 20—23 h.

**Innsbruck.**

Arbeiter-Esp.-Klub (Laborista klubo), Südtiroler Platz, Hotel Sonne, Do (ĵ) 20—22 h.

Esperanto-Klub, Gasthof „Goldener Greif", bei der Triumphpforte, Mi (me) 20—22 h.

**Wien.**

Katolika Unuiĝo Esperantista en Wien, I., Freyung 6 (Pfarrkanzlei), Mi (me) 17—19 h.

I. Wiener Esp.-Verein, I., Schellinggasse 7, Schellinghof, Fr. (v) 19·30 h.

Aŭstria Pacifista Esp.-Societo, III., Henslergasse 3, Hochparterre; Do (ĵ), 19—21 h.

Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3, Di (m) 17—19 h.

„Konkordo", V., Margaretenplatz 4 (Terrassencafé), Do (ĵ) 19—22 h.

Esp. laboristaro kristana de Aŭstrio, VI., Gumpendorferstraße 39, Do (ĵ); XII., Tivoligasse 38, Mo (l); XV., Beingasse 22, Mi (me); XVI., Rückertgasse 9, F (v) je la 19 a.

Viena Akademia Unuiĝo Esp., VII., Neubaugasse 25, Café Elsahof, Mo (l) 19—22 h.

Esp.-societo „Danubio", VII., Neubaugasse 25, Café Elsahof, Mo (l) 19—23 h.

Esperanto Bücherstelle d. Freien Esp. Arbeitsgemeinschaft, VII., Lerchenfelderstr. 23; Auskünfte (informoj): Täglich 18—19·30 h.

Esp.-Bildungsverein „Supren", VII., Kaiserstraße 121, Café, Fr (v) 18—21 h.

Bohema Klubo Esperantista, XV., Turnerg. 9, I. et., Narodni dum, Mi (me) 20 h.

Esp.-societo „Fideleco", Währinger Bürgercafé, XVIII., Staudg. 1, Di (m) 16—19 h.

Esp.-soc. „Kulturo", XVIII., Kreuzgasse 34, Café Hildebrand, Do (ĵ) 19·30 h.

## Rekomendindaj firmoj.

**Graz.**

Café = kafejo:
„Post", I. Haring, Neutorgasse.

**Korneuburg.**

Bäckerei = bakejo:
Karl Luegmayer (E), Albrechtstraße 3.

Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Hugo Steiner, Bisamberg 248.
Presejo: Gesellschafts-Buchdruckerei Brüder Hollinek, Wien III, Steingasse 25.